FENIKSO



INFORMILO POR
AMIKA
RONDO DE
ESPERANTAĴ-
KOLEKTANTOJ





Redaktas: R. Jensen, Sdr. Ringg. 77, DK-8000. Århus C

Nr. 9. 1. 4. 1970 Dua jaro nr. 4

## PENSOJ PRI STAMP-KOLEKTADO (Daŭrigo)

### III) Pri la kolektado

Se oni faras kolekton laŭ la temo: Esperanto-poŝtaĵoj, oni devas rimarki, ke la temo havas 3 valorflankojn por ni:
1) la pm. (pli granda se ĝi estas Esp-pm),
2) la stampo (se ĝi estas per aŭ pri Esp).
Tiuj 2 flankoj havas filatelan valoron.
3) la koverto aŭ la karto. Tiu parto de la tuto nur havas filatelan valoron, se temas pri "tutaĵo" (kun surpresita poŝtmarko), sed tamen, ankaŭ la tria punkto povas altigi la valoron de la tuto, speciale se temas pri oficiala, ilustrita koverto aŭ karto de iuajn Esperanto-okazaĵo. Ni Esperantistoj pritaksas ja ne nur la puran filatelan valoron de niaj kolekt-objektoj sed ankaŭ pecojn, kiuj krom la poŝtstampo portas aliajn stampojn, tekstojn aŭ bildojn,

kiuj memorigas pri nia aparta afero: Esperanto. Ni nur memoru, ke tio estas "esperantista valoro" - ne "filatela valoro".

Do la "unua ordono" por stamp-kolektanto devas esti: ĉiam konservu la stampojn sur la tuta koverto aŭ karto.

Tio validas por stampkolektado entute, sed speciale por tiu relative malgranda fako kiel Esperantostampoj tio estas la plej natura.

Kompreneble la idealo estas kolekti objektojn, kiuj iris la naturan vojon inter poŝto kaj adresato, sed de la praktiko oni spertas, ke poŝtaĵoj dum la transporto ofte estas malbone traktitaj. Por eviti tion, oni ofte praktikas (ankaŭ en nia Stampo-Servo), ke oni lasas stampi kvanton de neadresitaj poŝtaĵoj, kiujn oni mem kunportas hejmen.

La senco kun tio estas, ke oni poste povas sendi tiujn poŝtaĵojn en leteroj al siaj kolektamikoj, kiuj laŭ tiu metodo ricevas purajn kaj nedefektitajn ekzemplerojn. Post la ricevo oni mem povas skribi adreson, tiel ke la poŝtaĵo aspektu aŭtentika.

Jes! tio estas eta trompo, sed pro la bona intenco oni fakte devas rigardi tiaspecajn objektojn kolektindaj kaj plenvaloraj.

De tio sekvas, ke oni ĉiam devas zorgi por tarifa afranko - minimume kiel presaĵo al eksterlando. Oni ja NE povas skribi ekzemple sian propran adreson sur koverto, kaj tiel ŝajnigi, ke ĝi estas transportita de la poŝto, se ĝi ne estas plene afrankita por tia transporto. Kaj de tio sekvas, ke stampo sur nesufiĉa afrankita koverto aŭ karto estas senvalora; ĝi ŝajnigas valoron, kiu ne ekzistas. Se oni deziras 100 % garantion por regula transporto, oni povas sendi registritan leteron. Tio estas pli kara sed ankaŭ pli bona, ĉar oni kelkfoje en kongresa poŝtoficejo uzas specialan R-etikedon aŭ R-stampon, kaj tio povas nur plivalorigi la objekton.

Oni ofte okaze de kongresoj k. s. eldonas specialajn kovertojn aŭ kartojn kun ilustraĵo aŭ teksto pri la okazaĵo.

Bedaŭrinde oni kelkfoje uzis multe tro grandajn formatojn, kiuj estas tre malpraktikaj rilate al konservado en kolektoj. Ili ne povas trovi lokon sur albumfolioj aŭ en skatoloj.

Tial ni ĉiuj, se ni havos influon je venontaj kongresoj, devas rekomendi la kgr.komitaton absolute ne uzi kovertojn pli grandajn ol ordinara poŝtkarto. (ekz. 15x10 mm).

Iu de niaj membroj demandis rilate al tiuj specialaj kovertoj: Se iu kongreso kun spec. stampilo ankaŭ eldonas specialajn kov. aŭ pk. Kiom da stampoj apartenas al kompleta stampkolekto ?

Al tio oni povas respondi: Kompleteco de stampkolekto de iu okazaĵo ne dependas de nombro de special-kovertoj, - sed nur de la nombro de stampiloj; kaj nur de tio.

Se oni en kongreso uzas nur unu saman stampilon (kun moveblaj ciferoj por datigo) - unusola stampo estas sufiĉa por kompleteco. Se oni uzas plurajn stampilojn numerigitajn, oni devas havi stampon de ĉiu stampilo. Same se oni uzas stampilon de kaŭtzuko kun nemoveblaj datciferoj kaj tial havas novan stampilon por ĉiu tago, oni fakte devas havi stampon de ĉiuj tagoj. Sed en tiuj okazoj oni ofte uzas la saman stampilon ĉiun tagon supliita kun la ordinara urbkaj datostampo. Speciale en Nederlando la poŝto estas tiel ĝentila, ke ĝi ofte uzas la sendatan kongresstampon por nuligo de la poŝtmarko kaj la oficialan urbstampon kun la dato kiel speco de "apudstampo".

Ergo! Oni plejofte nur bezonas havi unu ekzempleron de ĉiu okazaĵo. Tio estas la "kataloga ĉefnumero". Kaj la unuopa kolektanto devas mem decidi, ĉu li volas plivastigi sian kolekton per stampoj sur kov. aŭ pk. kaj specialaj bildkartoj k.t.p.

Tia vastigo estas bona kaj interesa, sed ne necesa aŭ deviga por la kompleteco de iu kolekto de stampoj. Ekz. la hispana kgr. 1969 uzis 3 diversajn kovertojn kaj unu poŝtkarton, sed la stampo estas sama sur ĉiuj. Do, ordinara stampkolektanto nur bezonas havi unu de tiuj poŝtaĵoj por havi kompletan stampkolekton. Kiel jam dirita oni devas havi la stampojn sur tutkovertoj aŭ poŝtkartoj.

Se oni kolektas aliajn stampojn naciajn, oni ofte akceptas eltonditajn stampojn kiel sufiĉe taŭgaj, ĉar alie la kolekto fariĝas tro ampleksa. Se oni estas kontenta kun eltonditaj stampoj, oni devas prizorgi, ke oni ne detruas la poŝtmarkon - sed konservas ĝin intakta. De tio sekvas, ke eltondaĵoj ne povas esti de tute sama grando (ekz. 5x5 mm), kaj tial oni neniam povas aranĝi la eltondaĵojn simetrie sur la albumfolioj.

Rigardu, se oni ordinare kolektas eltonditajn stampojn, oni NE bezonas "tarifan" afrankmarkon - sed nur unu hazardan poŝtmarkon, ĉar oni ja povas imagi al si, ke estus pluraj pm.j sur la origina koverto.

Kontraŭe oni devas streĉi sian pretendon al la kvalito. Nur klaraj, legeblaj stampoj taŭgas. Sur tuta koverto oni pli bone povas kontentiĝi pri neklara stampo, ĉar oni laŭ aliaj indikoj sur la koverto povas klasifiki ĝin.

Estas bonega kutimo nun, ke la poŝto je speciala stampigo krom la nuliga stampo ankaŭ metas ekstran stampon sur la koverton ekster la poŝtmarko, ĉar tiu stampo estas pli legebla ol stampo sur la pm mem.

Sed, se oni eltondas siajn stampojn, oni ricevas multajn stampojn sur papero sen poŝtmarko. Tiuj stampoj estas - de filatela vidpunkto senvaloraj. Sed, tamen ne forĵetu ilin, ĉar ili ofte povas servi kiel ilustraĵoj kaj provoj, kaj ili ja malgraŭ ĉio estas memoraĵoj.

La plej praktika maniero por konservado de

stampkolekto estas: aranĝi la kovertojn starantajn en kartotek-skatolo - en tiu ordo, kiun oni mem preferas, kaj disigitaj per pli altaj "montrilkartoj" por jaroj, landoj k.t.p.
Antaŭe mi mem kutimis sur faldita papero, kiu povis "rajdi" sur la kovertoj, skribi la numeron kaj la okazaĵon laŭlonge de la faldo. Tiaj paperoj donas al la tuto pli egalan aspekton, se ili ĉiuj havas saman altecon, samtempe ke ili protektas kaj ŝirmas la objektojn. Se oni nur skribas unu tian paperon por ĉiu ĉefnumero, oni ankaŭ sub tiu povas meti ĉiujn subnumerojn, specialajn kovertojn kaj bildkartojn kaj tiamaniere ricevi pli facilan superrigardon. Oni ankaŭ povas skribi la "tegmentopaperon" sur diverskolora papero. Ekz. verda por UK, ruĝa por SAT k.c.
Se oni deziras pli da "uniformeco", oni povas meti ĉiun unuopan objekton sur pecon de kartono helpe de tielnomataj "foto-anguloj". Ĉiuj kartonoj same grandaj (ekz: Standard-formato A5). Tiu metodo estas vere praktika - sed iom multekosta. Mi mem praktikas tiun formon ĝis plena kontento.

Reinhold Jensen

---

## El niaj ✉ leteroj

S-ano B. Wasilewski skribis:

...Mi ne kredas, ke mi persone venos al la UK en Vieno, sed mia kolektamiko s-ano W. S. Majewski vojaĝos tien, kaj dum la kongreso li intencos ekspozicii nian komunan kolekton de Esperanto-pm, stampoj kaj glumarkoj.
Dum multaj jaroj, dank' al niaj internaciaj korespondantoj, ni sukcesis kolekti tutan serioznn stokon, kiun ni jam ekspozicis kelkfoje en diversaj urboj en Polujo...
- Antaŭ-gratulon! Esperas, ke ni aŭdos pri la certe sukcesa efiko de tiu ekspozicio. Red.

S-ano Evaristo Gil skribis:

...Kiel en pasintaj jaroj mi ankaŭ sendigas la grandan Esperanto-afiŝon por la Barcelona-Foiro 1970 al la membroj de nia klubo...

S-ano Amouroux skribis:

□..La lasta numero de Fenikso estas tre teĥnika, kaj verŝajne ĝi interesas la seriozajn kolektantojn.

Via ĝenerala opinio ankaŭ estas la mia, sed pri kelkaj el miaj personaj sugestoj mi deziras skribi al vi. Estas pri la E.afrankostampoj. La plej malnova ne estas germana sed brazila (Katalogo Brazilo nr. 2). La afrankomaŝinoj ricevas poŝtan aprobon kaj kontrolon. Do la stampaĵoj havas filatelan valoron; tion mi tute ne intencas nei. Tamen mi opinias ke fundamenta nuanco koncerne la filatela vidpunkto devas ekzisti inter la afrankstampoj kaj la regulaj poŝtaj stampoj. La plej grava diferenco estas, ke la afrankstampoj - malgraŭ la poŝta aprobo - estas privataj, kaj la aliaj estas publikaj. Mi klarigu mian opinion: Nur la abonanto de la afrankmaŝino rajtas uzi aŭ uzigi la maŝinon, sed ĉiu interesulo rajtas stampigi korespondaĵojn - post anticipa afranko - ĉe poŝtkontoro.

Sekve, laŭ mia opinio, la unua kategorio temas pri duonoficialaj stampoj kaj la dua pri vere poŝtaj stampoj.

Afrankstampoj devus havi apartan katalogadon!

-

La kolektantoj de la filatela temo Esperanto ne estas tre multaj kompare al la nombro de filatelistaj samideanoj, sed ankoraŭ pli malmultaj ŝajnas esti la kolektantoj de la oficialaj poŝt-tutaĵoj, kiuj havas rilaton al Esperanto. Estas grava eraro, ĉar estas la pm kaj la poŝttutaĵoj kiuj povas atingi la plej vastan publikon.

Krom kolektobjektoj Esp-filatelaĵoj ankaŭ estas taŭgaj propagandiloj por nia kara afero.

Ĉu en Fenikso ni povus malfermi anguleton pri Esp-tutaĵoj? Mi mem posedas multajn pecojn eĉ kelkajn mi havas por interŝanĝo.
Mi permesas al mi jam ĉi tie prezenti mian unuan noticon al tia

## TUTAĴ-ANGULETO

Mi posedas 1 hungaran karton (nr. D 16 laŭ la katalogo de s-ro Saget), kies valoro estas strekita kaj surpresita per la jenaj vortoj: Postaszolgálati ügy.
S-ro Saget ne katalogis ĝin. Ĉu iu povas klarigi al mi, kion la surpreso signifas?

-

S-ro Saget konsideris la germanajn poŝttutaĵojn nur kiel duon-oficialaj.
Mi opinias, ke li estas prava.

-

Red. rimarko: La hungaran demandon ni transdonas al nia hungara ano, D-ro Toht. Certe li estas tiel afabla respondi. Koran dankon!
Jes, la germanaj tutaĵoj vere estas nur duonoficialaj. La afero estas, ke privatuloj, kiuj uzas multegajn kovertojn aŭ kartojn povas laŭ mendo ĉe la poŝto ricevi afranksignon surpresita la presaĵojn. Tiaj privataj tutaĵoj kun surpresita poŝtmarko funkcias en la poŝttrafiko tute same kiel la oficialaj tutaĵoj. Kaj ili ankaŭ en la landaj katalogoj pri tutaĵoj havas lokon en speciala rubriko.
Memkompreneble tiaspecaj tutaĵoj povas esti malfacile haveblaj de la kolektantoj, kaj tial oni ankaŭ taksas ilin rimarkeble pli alta ol la samaj valoroj sur ordinaraj tutaĵoj.
La germanaj Esp-tutaĵoj certe apartenas al tiu kategorio de private menditaj tutaĵoj, kaj tial la signo: "Duonoficiala" estas prava.

---

8888
QQQQ

## GLUMARKOJ

Daŭrigo 1970

7) Nedatita, hung., Sigelmarko. C.pap. d 40 mm Meze granda E.stelo kun bildo de domo en arbaro. Ĉirkaŭa teksto: ABALIGET renkontejo por Esperantistoj-Naturamikoj. Verda sur blanka.

8) Nedatita, hung., Sigelmarko. C.pap. d 40 mm Meze stelo kun kastel-silueto. Ĉirkaŭa teksto: Atendas vin Pécs Baranya. Verda sur blanka.

9) 30a hisp. Esp-kgr. Mieres del Camino. 18-23 julio 1970. (V)(pap.35x47) fol. 2x3=6. Blazono kaj stratbildo. Kvinkolora.

---

Bonvenon! al nova AREKANO:

37. Jean Dalet, 79 B. Rue du Château, F - 92. Asnières. Francujo. Kolektas: Pm, sta, glm nur kongresaj, naciaj kaj internaciaj.

---

## STAMPOJ

Ĉi foje la rubriko: "Stampoj" ludas la rolon kiel la sekvinbero en la kolbasfino. S-ro Amouroux anoncis, ke por la unua fojo la princlando Monaco uzas E.reklamstampon. Ĝi estas uzita ek de la 2-a de marto alterne kun aliaj propagandstampoj por anonci la okazontan, francan E.kongreson. Pluraj pecoj jam estas senditaj al la Stampo-Servo.

---

Materialo por la venonta numero devos esti ĉe mi plej malfrue la 20an de aprilo.

Red.